


~~Año IV (N.º 7)~~

Núm. 1

ENERO 1952

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# BOLETIN

DE LA FEDERACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## FRENTE A NUEVOS HORIZONTES

Al coronar las aledañas cimas de una nueva etapa de labor, no podemos menos que, a guisa de caminante cansino, volver la mirada hacia lo andado durante el transcurso del pasado año y meditar sobre los acontecimientos acaecidos durante el mismo, que puedan servirnos provechosamente de ejemplo y lección.

Ardua y dificultosa fué la jornada, en la que no faltaron desagradables sorpresas, inmerecidos zaherimientos, y más que todo, la sempiterna sensación de caminar en el vacío, producido por la indiferencia de las masas y la incomprensión de los que, siendo mentores, debieran intuir la importancia cultural y emotiva de nuestro ideario: el Esperanto, como segundo y fácil lenguaje para todos.

Desesperanzadora hubiese sido nuestra marcha, a no ser por el vívido anhelo que, desde su comienzo, cada vez más y más, enfervorizó nuestros ánimos.

En el Congreso de Tarrasa se puso la mente y el corazón; fuimos, como quien dice, quemando las etapas hasta que, por fin, vimos conseguidas nuestras más caras ilusiones, que no sólo fueron cumplidas, sino colmadas con exceso. ¡Inolvidables días los de Tarrasa! ¡Inolvidables amigos los de Tarrasa, los de toda España y también los de allende sus fronteras! La emoción de verse en un Congreso, con samideanos de diversas regiones y países, fué, para muchos, una inefable sensación, que nunca podrá ser superada; y para todos, señaló un hito campeador en el camino de nuestra honrosa tarea mostrada a la clara luz del día.

Desde entonces, nuestra marcha ha sido más ligera y llevadera. Al regresar a nuestros lares, se trajo la conciencia de nuestra importancia colectiva, habiendo comprobado con satisfacción las actividades propagandísticas de los diversos grupos, entre las que destacan, muy señaladamente, las de los semideanos de Madrid, Barcelona y Zaragoza, de quienes tanto esperamos, porque sabemos de su valía y de su entusiasmo, contando además con las adhesiones, muy valiosas, de eminentes esperantistas de otras poblaciones que, junto con el fervor de las nuevas generaciones, garantizan un seguro y constante progreso ascendente.

Mas, desde la cumbrera que nos acoge, no podemos menos que volver la mirada hacia la nueva jornada que nos espera, y, tras breve reposo, emprendemos con ilusión la dura pero provechosa etapa que nos impusimos: el próximo Congreso, que ha reunir a todos los esperantistas españoles este verano en Valencia, nuestro centro federativo, que se prepara para la recepción de tan grata y amable embajada.

Así, pues, contando con el incomparable marco de la poética conjugación de la huerta y el mar, la cálida cordialidad de los samideanos de la ciudad del Turia sabrá hacer memorables los días que transcurran en esa colmena, en que las abejas zumban alegres... sin dejar por eso de trabajar con esforzado ahinco, certificando con ello las bellas estrofas de su himno que, inspirado por el arte, exalta virtudes excelsas: «En el taller y en el campo resuenan, cantos de amor, himnos de paz...», esto es, el más puro ambiente esperantista que podamos soñar.

### LA NOBLA IDEALISMO DE LA ESPERANTISMO ESTAS PRAKTIKA IDEALISMO

Kiam la propra konvinko staras sur la fundamento de spertita utilo, idealista homo rajtas tute prave ridi pri tiuj personoj, kiuj banale ridante pri lia idealismo, ne scias profiti la praktikan rimedon, kiun tiu idealismo mem tre facile, kaj tre volonte, al ili proponas!

# HISPANA KRONIKO

## TRA LA TUTA LANDO ONI FESTIS ENTUZIASME LA ZAMENHOF-TAGON

**VALENCIO.**—La 15an de Decembro, preskaŭ duoncento da gesamideanoj sidis ĉirkaŭ longa tablego, por komune vespermanĝi en grava restoracio. Gaja humoro kaj bona apetito estis la devizo reganta ĝis fino. En la momento de la tostoj, oni varme aplaŭdis la spritaĵojn de S-ro Vizcaino, sekretario de la Kongres-Komitato, kaj la kuraĝigajn vortojn de nia redaktoro S-ro Hernandez, kiu admonis ĉiujn ne nur kunveni por festi, sed ankaŭ por labori. D-ro Herrero, diligenta gvidanto de la urba movado, skizis la vivon de la Majstro pri kiu, cetere, ankaŭ oratoris S-ro Jacobs, malnova pioniro el Antverpeno, kiu vintras ĉe ni kiel gasto tre ŝatata. D-ro Llorens, kara Prezidanto de la Federacio, faris resumon kaj fermis la feston per elokventaj vortoj. Pli poste, ĝis malfrua horo, daŭris la kunveno, laŭ pli intima karaktero, en la ejo de la centra organizo. Sekvantan tagon, oni denove kunvenis en lunĉo, ĉe *Montepío de la Dependencia Mercantil,* kiel fermo de la kursoj, elementa kaj supera, tre kompetente gvidataj de S-roj Tudela kaj Hernandez; ĉeestis granda amaso el gelernantoj kun ties familianoj, kio bone utilis por efika propagando, uzante argumentojn laŭ plej oportuna maniero, en hispana, valencia kaj esperanta lingvoj. La ĝojaj mienoj de pli ol cent personoj, ĉe la fino, klare atestis pri bona promeso por plena sukceso de nia ĉiutage pli proksima Hispana Kongreso. Nia amiko S-ro Garcia Rigal, mastro de grava librovendejo, bele ornamis la montrofenestron de sia butiko, okaze de la *Tago por la Esperanto-Libro,* per tre belaj specimenoj de nia literaturo.

**MADRIDO.**—La tiea samideanaro omaĝis la memoron de D-ro Zamenhof per arta koncerto en la granda salono de *Casa de Aragon* antaŭ multenombra publiko (preskaŭ mil personoj), kiu ege atente aŭskultis poste prelegon de nia vigla samideano Dario Rodriguez, kiu trafe parolis pri la signifo de la festo, tre favore recenzata en la radio kaj gazetaro de la ŝtata ĉefurbo. Kiel broĉo de la festo, la madridaj aktivuloj ankaŭ sidis ĉirkaŭ tablo de restoracio, kie la urba gvidanto, S-ro Lopez Herrero, iniciatis la tostojn kaj la legadon de telegramoj kaj salutleteroj, amase venintaj.

En Barcelono kaj en diversaj urboj de Katalunio, same kiel en multaj ceteraj lokoj, tra la tuta lando, okazis similaj amikaj kunvenoj, kiuj bone efikis por impresi la eksteran publikon, kaj por pli harmonie interrilatigi ideojn kaj sugestojn en la lokaj staboj de la hispana esperantismo, kiu nun post la unua etapo, jam atingita, de plena reorganizo, troviĝas en situacio povi aperi publike kun seriozaj aranĝoj.

## ANKORAŬ ONI MEMORAS EKSTERLANDE PRI LA SUKCESO DE NIA PASINTA KONGRESO

*Okaze de la jarŝanĝo, mi sendas miajn plej korajn kaj varmajn bondezirojn al la Hispana Federacio kaj al ĉiuj hispanaj geamikoj, kun kiuj mi konatiĝis dum la neforgesebla, impona, kortuŝa kaj brile sukcesinta tutlanda Kongreso en Tarrasa.*

*Prosperon kaj sukceson al via obstina laboro!*

MARIANNE VERMAAS, *Rotterdam*
Delegitino de Universala Ligo

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

**Jen nova sekcio, kiun ni hodiaŭ inaŭguras, je la servo de ĉiuj niaj legantoj, por ke ili povu esprimi tie siajn propraj opiniojn pri diversaj aktualaj problemoj aŭ demandoj, koncerne la lingvon mem aŭ la organizajn flankojn de la esperantismo, en la nunaj cirkonstancoj. La aperigo de tiaj artikoloj, kun la eventualaj postaj respondoj, neniel signifos aprobon aŭ malaprobon al la ideoj de kiu ajn el ili, fare de la Redakcio, kiu tute neŭtrale klopodos nur gvidi la polemikojn, se polemikoj okazas, ĉiam interne de la decaj limoj de plej sana samideaneco. Por bone sukcesi en tiel honesta intenco, ni petas al ĉiuj kunlaborontoj atenti solan kondiĉon: verki siajn kontribuaĵojn tute objektive, pri pure esperantaj temoj, kaj fari siajn respondojn tre koncize kaj eĉ afable kaj ĝentile, en okazo de riproĉo aŭ malkonsento, ĉar hispana proverbo jam saĝe avertas, ke la ĝentilo ne forprenas la kuraĝon... Ni esperas, do, favoran akcepton kaj utilan uzon de ĉi tiu ĵus starigita laŭtparolilo, kiu certe parolos vigle kaj daŭre per sukoplenaj paroloj, instruaj kaj utilaj por ĉiuj senescepte.**

## ĈU NUR ESPERANTISMO?

Ni devas agnoski amaran veron: Same kiel mortis «Literatura Mondo», la morto de preskaŭ ĉiuj esperantistaj revuoj estas neevitebla. Ni humile konfesu la malĝojan fakton, ke ni estas malgranda kaj malriĉa popolo; kaj ankaŭ estas tre decida bato tiu, kiu venas el la doganaj malfacilaĵoj, valutaj disfaloj, feraj kurtenoj, naciaj fieroj.

Ni estas nur guto en marego! Niaj voĉoj, niaj klopodoj, niaj penoj, nia oferemo, nia sindonado estas nur eta parto de tio, kion homaro bezonas. Homaro antaŭ ĉio bezonas pacon: Daŭran kaj veran pacon firme kaj forte starigitan sur roko.

Al miaj fingroj venas ĉi tiu demando: Ĉu ni vere ne tute flankenmetis tion pri kio konstante parolis la Majstro?

La Interna Ideo estas ĝuste tio, kio metis en lian kapon la gravan sed flankan ideon Esperanto. La Interna Ideo estas io nedisigeble algluita al la ideo de lingvo internacia. Sed se ni en niaj domoj, urboj kaj popoloj ne semas rekte per niaj gepatraj lingvoj la fundamenton de nia revo; se rutine ni antaŭmetas la flankaĵon al la ĉefaĵo, ni riskas, kiel tute prave akcentis nia Majstro, la sukceson.

Do, pravas la SAT-anoj, la kvakeroj, la spiritistoj, la katolikoj, kiam ili *uzas* Esperanton kiel rimedon: SIMPLE KIEL RIMEDON. Kaj mi eĉ kuraĝas aserti, ke, en la nuna stato de la homaro, nur kiel esprimilo Esperanto povos postvivi la gramatikan kaj organizan epokon. Literaturistoj kaj gramatikistoj malmulton havas farotan hodiaŭ. La areno tute apartenas nun al la politikistoj, al la religiuloj, al la sciencistoj... Ĉiu esperantisto devas forgesi sian esperantismon, kaj li devas *per* Esperanto dissemi kie ajn, oportune kaj eĉ neoportune, siajn intimajn konvinkojn; kaj tion oni devas fari laŭ maniero, ke ĉiu neesperantisto ekmoviĝu al la lernado de tiu lingvo, per kiu tiom interesaj opinioj estas esprimataj. Ĝuste tion farante, nerimarkite, ni semos la Internan Ideon. Bone rimarku, ke tiu interna ideo povas esti, kiel fakte ĝi estas, tre malsama ĉe unuj kaj aliaj homoj. Nur nehonestaj fihomoj kuraĝas pretendi vendadon de putrita viando en la internacia halo. Ĝenerale ĉiu honestulo proponas al aliulo tion, kio al li ŝajnas esti inda je akiro. Ĉi tio en la diritaj politikaj, religiaj kaj sciencaj fakoj estas, laŭ mia opinio, plej interesa entrepreno.

Do, ni ne tiom multe devas bedaŭri forpason de literatura revuo, kiom tiu kun scienca, religia aŭ politika koloro. La homaro nuntempe estas tiel multe premita de malfacilaĵoj, ke nur malmultaj elektitaj personoj deziras sin distri aŭ amuzi per esperantaj senenhavaj belaĵoj.

Laŭ mia opinio, kiel pure esperantistaj revuoj (gramatikaj kaj organizaj) nur devas aperi: ESPERANTO de U. E. A. kaj la naciaj organizaj organoj (kiel nia BOLETIN). Vere, ni ne havas monon por akiri kaj subteni, nek tempon por legi, aŭ kunlabori en ili, aliajn pure *esperantistajn* periodaĵojn. Malmola vero, sed vero...

**Eŭma** (Zaragozo)

---

Vi venis al ni por praktike uzi nian lingvon, ne nur dum la multaj oficialaj kaj neoficialaj kunsidoj, sed ankaŭ dum la ĉiutaga vivo, kun la multaj malnovaj kaj novaj amikoj, kiujn vi ĉiumomente renkontos dum la kongresa semajno. Marŝante, iu filozofo pruvis la movadon. Parolante Esperanton, vi donos al la mondo novan pruvon de ĝia ekzisto, de ĝia vivo. Mi pli kaj pli konvinkiĝis, ke teoriaj konsideroj kaj diskutoj ne helpas. Nur per serioza kaj praktika laboro, sur la plej diversaj kampoj, ni altiros la atenton de la eksterstarantoj. Ni devas montri, ke la vojo, kiun ni sekvas, estas pli mallonga kaj pli malmultekosta ol tiu, kiun sekvas la plurlingvaj organizaĵoj.

**El la prezida parolado de D-ro Kempeneers, dum la 36ª Universala Kongreso de Esperanto en Munkeno**

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## TESORERIA

### BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1951

#### ENTRADAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas de socios 1949 y 1950 (atrasos) | 199'— | | |
| » » » 1951 | 12.371'— | 12.570'— | |
| Donativos voluntarios | 3.880'— | | |
| Premio U. E. A. Concurso 1950 | 800'— | 4.680'— | 17.250'— |
| Ingresos por «Libroservo» | | | 1.253'60 |
| Suman los ingresos | | | 18.503'60 |

**DETALLE DEL «LIBROSERVO»**

| | | |
|---|---|---|
| Venta de libros y boletines | 6.305'50 | |
| » » insignias | 812' - | 7.118'50 |
| Compra de libros | 4.654'65 | |
| » » insignias | 717'25 | 5.864'90 |
| Beneficio | | 1.253'60 |

#### SALIDAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuota de U. E. A. | | 575'— | |
| Asignación auxiliar Secretaría | 1.800'— | | |
| Material y gastos Secretaría | 1.237'50 | | |
| Impresión de circulares | 454'— | 3.491'50 | |
| Edición del Boletín | 11.810'— | | |
| Fajas y gastos de envío | 919'45 | 12.729'45 | |
| Liquidación del déficit habido en 1950 | | 1.163'15 | |
| Suman los gastos | | | 17.959'10 |
| Existencia en Caja en 1.° Enero 1952 | | | 544'50 |

Valencia, 31 de Diciembre de 1951
El Tesorero, FRANCISCO ROGLÁ

---

## SECRETARIA

*Según votación directa entre todos los asociados, efectuada mediante papeletas recibidas hasta el día de la fecha, han sido elegidos por gran mayoría, para desempeñar los cargos directivos que se indican, los siguientes señores:*

| | | |
|---|---|---|
| *Presidente* | — **D. Daniel Lloréns Sastre** | — *Valencia* |
| *Vice-Presidente* | — **D. José Anglada Prior** | — *Barcelona* |
| *Secretario* | — **D. Vicente Santamaría Lloréns** | — *Valencia* |
| *Vice-Secretario* | — **D. Sebastián Chaler Arnau** | — *Tarrasa* |
| *Tesorero* | — **D. Ernesto Hurtado Alvarez** | — *Valencia* |
| *Vocal 1.°* | — **D. José Guzmán Guzmán** | — *Valencia* |
| » *2.°* | — **D.ª María Casasnovas Jarreta** | — *Zaragoza* |
| » *3.°* | — **D. Bernardino Donate González** | — *Madrid* |
| » *4.°* | — **D. José M.ª Arias de Reyna Ferrero** | — *Sevilla* |

*También han obtenido votos para el cargo de Vocal los señores Alavedra, Ballester Anguís, Bosch y Herrero. De acuerdo con las disposiciones legales vigentes, los señores elegidos tomarán posesión de sus cargos respectivos, una vez que la Superioridad haya dado la debida conformidad al nombramiento.*

*Valencia, a 15 de Enero de 1952*
*FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA*
*El Secretario,*
*VICENTE SANTAMARIA*

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a ENERO 1952)

| | | |
|---|---|---|
| Amadeo Bertomeu - Valencia | 55 | Ptas. |
| Harry Nilsson - Suecia | 100 | » |
| Eusebio Maynar - Zaragoza | 10 | » |
| José Martínez - Zaragoza | 10 | » |
| José Roselló - Valencia | 10 | » |
| Rafael Vizcaíno - Valencia | 25 | » |
| Francisco Estruch - Valencia | 25 | » |
| Rafael Herrero - Valencia | 3 | » |
| José Perogordo - Madrid | 50 | » |
| Restituto Albero - Burjasot | 10 | » |
| Ricardín Quiles - Valencia | 10 | » |
| José Orós - Zaragoza | 10 | » |
| Manuel Maynar - Zaragoza | 10 | » |
| Maruja Soriano - Alicante | 4 | » |
| Miguel Justo - Tarrasa | 25 | » |
| Sacramento Collado - Sama Langreo. | 3 | » |
| Carlos Mestre - Valencia | 10 | » |
| Ernesto Roca - Tarrasa | 5 | » |
| Antonio Costa - San Mateo | 10 | » |
| José Lerroux - Barcelona | 10 | » |
| Manuel Noguera - Alcira | 15 | » |
| José Ezquerra - Madrid | 100 | » |
| José Molina - Alfara de Algimia | 5 | » |
| Esperanto - Grupo de Sabadell | 60 | » |
| José L. Muñoyerro - Bilbao | 5 | » |
| Antonio Gil - Santillana de Campos. | 10 | » |
| Antonio Martínez - Murcia | 8 | » |
| I. Schoon - Holanda | 25 | » |
| Manuel Gil - Barcelona | 25 | » |
| Florencio Santacruz - Barcelona | 10 | » |
| José Adam - Barcelona | 10 | » |
| Luis de Otaola - Bilbao | 10 | » |
| Eusebio Pons - Barcelona | 25 | » |
| Amado Pons - Barcelona | 25 | » |
| José Alvá - Barcelona | 10 | » |
| Miguel Garriga - Tarrasa | 10 | » |
| Angel García - Bilbao | 12 | » |
| Vicente Tarín - Cheste | 10 | » |
| Francisco Alsina - Barcelona | 60 | » |
| S. Alberich Jofré - Barcelona | 60 | » |
| Purita Tamarit - Cheste | 10 | » |
| José López - Cullera | 10 | » |
| Total | 910 | » |

*No comienza mal el año. ¡Adelante!*

*Lo mejor y más fácil para favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en*

*HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Socio de número* ...... | *15* | *ptas.* | *anuales* |
| *Socio abonado* ........ | *40* | » | » |
| *Socio protector* ........ | *75* | » | » |

Las dos últimas categorias tienen derecho al Boletín
Los socios protectores recibirán D O S ejemplares

*AVISO IMPORTANTE*

***Para facilitar los servicios administrativos, todo lo referente a giros y envío de dinero diríjase de la siguiente forma:***

***Sr. D. ERNESTO HURTADO***
***Calle Pelayo, 7, 1.° - Valencia***
***Especificando siempre con claridad el destino y distribución de cada envío.***

# CENTRO DE ESPLOROJ KAJ DOKUMENTADO

**La 1.an de Januaro 1952 ekfunkciis en Londono nova grava institucio de nia movado: la Centro de Esploroj kaj Dokumentado de U. E. A. La celo de la Centro estas triobla: sciencaj esploroj, dokumentado kaj informado.** Pere de siaj kunlaborantoj, la Centro esplorados kaj studos la Internacian Lingvon kaj ĝiajn multflankajn aplikojn sur ĉiuj kampoj de la homa aktiveco, el vidpunktoj lingvistika, sociologia kaj psikologia. Apartan atenton ĝi dediĉos al la studado de la moralaj kaj intelektaj efikoj, kiujn kaŭzas la praktika uzado de la Internacia Lingvo. Ĝi ankaŭ esploros la eblecojn por plua utiligo de Esperanto, sur la kampoj de scienco kaj arto, intelektaj interŝanĝoj, trafiko kaj komerco k. t. p.

La rezultoj de tiu scienca-esplora kaj dokumentada laboro estos vaste utiligataj por verkado de artikoloj, kunmetado de prelegoj por diversaj okazoj, pretigado de skizoj por flugfolioj, alvokoj, broŝuroj, liverado de taŭga kaj dokumentita materialo por defendi la aferon de la Internacia Lingvo en kongresoj, konferencoj kaj en aliaj medioj, kiuj iel ajn pritraktas la demandon de komuna lingvo.

La C. E. D. interŝanĝados dokumentojn kun UN, UNESKO kaj aliaj gravaj internaciaj organizoj. Ĝi precipe intervenos en la internaciaj medioj, sed ĝi estos je dispono de nia tuta movado, laŭ ĉiuj ĝiaj organizoj, kiam ili deziros argumenti.

La Komitato de U. E. A. komisiis la direktadon de la C. E. D. al Prof. D-ro Ivo Lapenna, kiu plenumos tiun taskon honorofice. La Centro havas kunlaborantojn en diversaj landoj. Ankaŭ la kunlaborantoj plenumas sian laboron honorofice.

La financajn rimedojn por ekfunkciigo de tiu ĉi gravega institucio de nia movado havigis parte U. E. A. kaj parte kelkaj oferemaj esperantistoj kaj agemaj Esperanto-grupoj. La aliaj esperantistoj aŭ grupoj, kiuj iel deziras finance subteni la Centron, kaj tiamaniere ebligi al ĝi kiel eble plej efikan realigon de ĝiaj celoj, estas petataj sendi siajn kontribuaĵojn al la

Centra Oficejo de U. E. A.: Heronsgate, Rickmansworth, Herts. (Anglujo)
aŭ al Unuiĝo Esperantista Franca:
34, Rue de Chabrol, PARIS X (Francujo)

nepre menciante, ke la sendita financa helpo estas por la C. E. D. Fine de la laborjaro, en Junio 1952, la nomoj de ĉiuj donacintoj estos detale publikigitaj en la oficiala organo de U. E. A.

**En ĉiuj aferoj rilate al la Centro oni sin turnu rekte al D-ro Ivo Lapenna: 300 West End Lane, London, N. W 6.**



La gefratetoj Quiles (elp. Kiles)
Tri fervoraj samideanetoj

**LETERO DE HISPANA ESPERANTISTA INFANO AL ĈIU**

Karaj samideanetoj: Mi estas dekjara esperantistido, ĉar jam estis esperantistoj, kiam naskiĝis mi, mia dekunujara fr kvarjara. Miaj gepatroj eklernis Esperanton antaŭ 25 jaroj, kaj kiun ili parolas ofte en la hejmo, pro kio ni lernas ĝin paralele gepatra lingvo. Mi kredas, ke se ĉiuj infanoj de la mondo pov ekzistus la Babela Turo, kaj en la lernejo ni ne estus devigataj

Infanoj el ĉiuj landoj: lernu vigle Esperanton, sed surport al vi, kio okazis al mi antaŭ kelkaj tagoj, pro tio ke ne ĉiam m kun alia samliceano. Sur la strato, mi renkontis la ĉefredakto paroli al mi esperante. Kiam ni disiris, mia kunulo diris al m mi parolis kun tiu sinjoro. Mi provis paroli al li tiam en Espe en Esperanto. Mi estis tre kontenta, kaj mi rakontis tion al mi nomo de mia amiko. Kiam mi diris ĝin, ili diris, ke jes, ĉar lia tre fervora esperantistino, kiu ankaŭ en la hejmo tute nature

Ne necesas diri, ke nun mi amikiĝis pli multe kun mia esp kiu nun mi parolas ofte en Esperanto, en infana Esperanto, ko landoj lernu Esperanton, sed surportu la verdan stelon. Tiel, n amiketo, ke ni ne sciis, ke ni estas esperantistoj pro tio nur, k

**Ricardín Quiles I**

# INTER LA PROZO DE LA ESP

Tra la labirinto de rigidaj trunkoj, elstarantaj sur la krusto el glacio, kiu tegas irejojn kaj vojojn, alvenis kuriero ŝarĝita per peza pakaĵo. Inter la varia kolekto de titoloj kaj nomoj, troviĝas avizo de la redakcio, petante ne multe babili en ĉi tiu numero, ĉar spaco mankas, dum interesa materialo tre abundas... Cetere, laŭ privataj informoj, malrekte mi scias, ke nova presejo kaj novaj, do, manoj ĵus prilaboras la aranĝon de nia Bulteno; neniel mi dubas, ke ili sukcesos superi la malfacilaĵojn de la unua momento kaj, post ne multe da tempo, nek la akuzativo nek la cirkumfleksoj ŝokos la profesian sperton de tiuj novaj kaj bonaj amikoj, kiuj plaĉe akceptis la taskon doni korpon de metalo al la ideoj de la esperantistoj. Nu... nepre mi devas rezigni hodiaŭ ŝablone prikanti la blankon de neĝo aŭ la *ĉarmon* de kataro... ĉar, obeante la ordonon, decas nur pozitive labori. Preta ja por tio, mi enŝovas la manojn en gantojn, ordigas malneton kaj komencas raporti:

ESPERANTO EN SKOTLANDO estu heroldo en la parado, ĝi rajtas tion pro siaj meritoj kaj kvalitoj; la numero speciale dediĉita al la sesdekjareco de D-ro Kalocsay neniel estas ordinara gazeto, sed bonega albumo aŭ juvelujo, kun puraj perloj de la esperanta poezio. La skotaj amikoj ŝatas atenti en sia organo la literaturan flankon de nia lingvo, kaj vere ili sukcesis pro tio gajni simpation tra la tuta Esperantujo; cetere, inter miaj sinceraj gratuloj troviĝas ankaŭ miaj dankoj, pro komplezaj vortoj al nia modesta bulteno, kiu emocie ilin gardas en la arkivo de sia estimo. THE WORKER ESPERANTIST ankaŭ estas kara amiko, kiun jam de longe mi ne aludis; ne ja pro forgeso, sed nur pro rigora manko de spaco. Tamen, ĉi tiu laborista gazeto meritas honoran lokon inter nia *tuta* gazetaro; ĝia plej freŝdata numero estas rimarkinda pro bonega enhavo, en angla kaj esperanta lingvoj. Pluraj artikoloj *postulas* represon pro sia intereso; mi povas nur pinĉi kelkajn vortojn: «Esperanto havas vortojn, kiujn tute ne, aŭ nur malprecize, oni tradukos en alian lingvon; ĉu *samideano* aŭ *homarismo* estas facile tradukeblaj per unu vorto, kaj tute adekvate, en ĉiun ajn nacian lingvon? *Frateco* estas facile tradukebla, sed oni ne povas diri la samon pri *kuzeco* kaj *nepeco*». Tre interesa studo! ĉu ne? Tamen, tio, kion mi represis, estas nur eta specimeno de tre bonkvalita varo. SKOLTA MONDO daŭre strebas al nia afero inter vicoj de la skoltismo; leginda estas la artikoleto «Kvanto kaj kvalito» kun aliaj fakaj temoj kaj lertaj desegnaĵoj. Jen, do, la vico nun al la skandinavaj tre karaj kolegoj. La granda verda stelo de SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN iras ĉefronte en la marŝo; ĉi tiu gazeto, kun elektita enhavo, preskaŭ nur en Esperanto, sur bonega papero, kun abundo de bildoj kaj fotoj, estas vere leginda por ĉiuj; ĵus mi scias, ke hispanoj povas ĝin aboni per favora prezo. Anstataŭ represi disajn vortojn, mi simple rekomendas ĝin al tiuj,

## IUJ ESPERANTISTAJ INFANOJ EN LA MONDO

r mi estas denaska esperantisto. Miaj gepatroj fratineto Araceli kaj mia frateto Armandin, aj ili konatiĝis pere de nia internacia lingvo, le kun la hispana. Esperanto, do, estas nia dua vus diri la samon, post kelkaj jaroj ne plu jam aj studi tre malfacilajn fremdajn lingvojn, rtu ĉiam la verdan stelon! Tiel, ne plu okazos mi portis ĝin: Mi iris de la liceo al mia hejmo, toron de BOLETIN S-ano. Luis Hernández, kiu mi, ke li ankaŭ komprenas tiun lingvon, kiun eranto; kaj, efektive, li respondis al mi ankaŭ miaj gepatroj, kiuj tuj demandis al mi pri la lia patrino, S-ino. Purita Tamarit, ankaŭ estas re instruas Esperanton al siaj infanoj. perantista amiketo Ramón Tarin Tamarit, kun kompreneble, sed en Esperanto! Infanoj el ĉiuj ne okazos al vi, kio okazis al mi kaj al mia ke ni ne surportis nian verdan stelon.

Hoyo - Str. San Vicente, 164 - VALENCIA (Hispanio)

# PERANTISTA GAZETARO

kiuj povas jam ĝin akiri. NORVEGA ESPERANTISTO gaje sin ornamas per taŭga materialo, en preparo jam por la grava solenaĵo de la proksima Universala Kongreso en Oslo, la norvega ĉefurbo. En la ekzemplero, kiun mi foliumas, artikolo «Tertremo en Havajo» estas vere pli streĉa kaj loga ol plej emocia rakonto. DANKS ESPERANTO-BLAD profitas la recenzon de la libro pri Kon-Tiki, por paroli pri vikingoj kaj eĉ *kaperi* belajn fotojn de tiu volumo. Krom tio, en raporto pri enlanda movado, oni ludas tiel trafe kaj lerte per numeroj kaj ciferoj, ke iĝas prava la subtitolo, avertanta tiel: «Se vi legos ĉi tion, eble vi ne dormos trankvile en la sekvaj noktoj». Terura minaco, ĉu ne? NIA VOĈO, la simpatia organo de Dana Laborista Esperanto-Asocio, prezentas frontpaĝe artikolon «D-ro Zamenhof montris la vojon» ĝin verkis S-ro Holger Hansen, karmemora gasto en nia Kongreso de Tarrasa; ĉar en la sama paĝo troviĝas versa traduko de alia karulo, Poul Thorsen, mi profitas la ŝancon por ilin ambaŭ plej kore saluti.

Kaj... nenio plu; ĉar, post tiuj plezure faritaj komplimentoj, la severa postulo de porciigita spaco devigas min serĉi la adiaŭajn vortojn ĝis venonta numero, kiam la migdalarboj jam ekfloros, kiel delikata promeso de milda sezono; tial, por iomete vin distri en la monotona irado de okupoj kaj zorgoj, kiuj en la vivo ne mankas, eĉ en okazo de facila vivo, certe ricevos pli da inspiro **LA LEGEMA KOBOLDETO**

## REGULA ESPERANTO - PROGRAMO EN HISPANA RADIOSTACIO

Merkrede, 9. Januaro, kun ĉeesto de multenombra publiko, oni inaŭguris la programon de ANTENO ESPERANTISTA en Radio S. E. U. de Madrido; je la fiksita horo, la solenaj strofoj de «La Espero» flugis en la aeron. Tuj poste, oni dissendis ĉiujn numerojn de la programo, en kies enhavo troviĝis informoj pri enlanda kaj eksterlanda movado, sekcioj pri turismo kaj esperantista interŝanĝo, krom popolaj hispanaj muzikaj pecoj. En la fino, la publiko ĉeestanta en la ĉambro forte kaj longe aplaudis, esprimante sian entuziasmon pro tiuj Esperanto-elsendoj, ĵus aranĝitaj. La programo finiĝis, elsendante denove la himnon, kiu estos la devizo por ĉiuj estontaj esperantistaj programoj.

La programo de ANTENO ESPERANTISTA estas dulingva: en esperanta kaj hispana lingvoj, por ke la neesperantistoj povu kompreni la sciigojn kaj informojn. Redaktas ĝin la madrida samideano Dario Rodriguez Lopez de Silva, al kies adreso: Str. Galileo, 51, 5.ª - Madrido, oni devas sendi ĉiujn informojn, raportojn aŭ kontribuaĵojn por enigi ilin en la programon.

ANTENO ESPERANTISTA estos regule dissendata, ĉiumerkrede, je la 20'30 laŭ hispana horo (19'30 horo en Greenwich) per la mallonga ondo de 42'05 metroj 7.140 kilocikloj. Ni esperas, ke ĉiuj esperantistaj radio-aŭskultantoj plej volonte kaj ĝentile sendos leteron aŭ poŝtkarton, gratulante kaj raportante pri aŭdebleco, al direktoro de la radiostacio, kies adreso estas:

Radio S. E. U. Str. Diego de Leon, 49 - MADRIDO

Se iu samideano, posedante muzikajn esperantajn diskojn, deziras helpi nin, li povos sendi al ni specimenon, kiel donacon, kiun tre varme ni dankos. Ankaŭ oni povas helpi nin, sendante broŝurojn, revuojn, prospektojn, k. t. p. al la nomita adreso. Ni supozas, ke nia programo kontribuos efike por disvastigi nian karan lingvon inter la hispana publiko, precipe inter gestudentoj, ĉar Radio S. E. U. estas la oficiala radiostacio kaj publika informejo de la Hispana Universitata Sindikato.

# PACA LUKTADO KONTRAŬ AKVO KAJ SALO

I. Schoon - HAARLEM (Nederlando)

Nederlando-akvolando! Jen ankaŭ, eksterlande, ofte aŭdita diraĵo. Se iu dirus la malon, eble oni dirus ion pri cerba malsaneto, kaj tamen... en Nederlando estas tro malmulte da akvo... almenaŭ da tiu dolĉa aŭ sensala akvo, taŭga por terkulturado kaj konsumado. Jam nun, en Nederlando, estas miliono da hektaroj da tero — nur iom malpli ol duono el la tuto!—kiu povus esti multe pli fruktodona, se la terkulturistoj somere povus ĝin akvumadi aŭ surpluvigadi konvene kaj oportune.

Akvo! jes, kiam oni vidas geografian karton de Nederlando, eksterlandanoj—kaj minimume 99 ½ procentoj de la enlandanaro — konsiderante la sennombrajn riverojn, lagojn kaj kanalojn, havas la impreson, ke Nederlando drivas aŭ apenaŭ evitas droni en sia ega abundo da akvo. Tutprave, sed pro la multaj kluzoj kaj akvovojoj, nefermite interligitaj kun la Norda Maro, tre granda kvanto da tiu akvo entenas tro multe da salo. Por terkulturado, la salenteno de akvo ne superu 3 gramojn po litro, sed ie-tie oni konstatis 3‘6, 4‘3 kaj eĉ ankaŭ 7‘2 po litro!

Poste ni revenos al ĉi-temo, nuntempe tre diskutata en Nederlando. Cetere, ĝi estas nenia novaĵo, ĉar jam en la dua duono de la 16.ª jarcento S-ro Simon Stevin, genia matematikisto naskiĝinta en Brugge (Belgio), dum 1548ª jaro, verkis rimarkindan planon por forigi ĉi tiun problemon, kies efektiviĝo por la tiutempaj laboriloj estis neebla. Preskaŭ tute laŭ liaj planoj, la nederlanda universitata profesoro Thijsse, el Delft, en antaŭ nelonge okazinta kunveno de agrikulturistoj kaj hidraŭlikistoj, konigis kaj diskutigis sian planon, kiu tuttute solvus ĉi tiun gravegan problemon. La salo ja jam enpenetris Nederlandon ĝis ĝia centro, la monteta regiono proksime de Utrech; kaj, cetere, Nederlando igis la malamikan akvon amiko. En penega luktado dum centoj da jaroj, akirinte terenon el la akvo de lagoj kaj el Norda aŭ Suda Maroj, Nederlando ĉiam estas defendata de siaj fiŝkaptistoj, kamparanoj aŭ polderlaboristoj, kiam la furiozanta akvo rebatas kaj detrueme alfluegas al la digoj. Tiu danĝero fakte estas venkita! La akvo nun preskaŭ senescepte fluadas en sia fluejo, kiun la homoj kreis por ĝi. Nun, ĝi transportadas la ŝipojn kien la homoj deziras. Jam ĝi fariĝis nemankipova amiko, ĉar sen la akvovojoj, riveroj kaj maroj, Nederlando estus ja tute neimagebla... Sed, malice, alia malamiko ŝteleniris en la landon, malamiko, kiu estas ĉiam pli kaj pli danĝera; tiom pli, kiom la kluzoj k. t. p. fariĝas pli perfektaj... En la eterna moviĝado de la al- kaj defluoj, la sala akvo antaŭeniras en riverojn, kanalojn kaj... eĉ en la teron. Tiel, ĝi ŝtelenpenetris en la teron de Westland, provinco Norda Holando, kies grundo estas konsiderata la plej bone kulturita de la tuta mondo. Tio ĝi kaŭzas nekalkuleblan malprofiton. La tero en Kennemerland, inter Hago kaj Haarlem — Alkmaar, nun ja tute ne taŭgas plu por bulbokulturado; verŝajne, post ne longa tempo, la mondfamaj bulbokampoj ***translokiĝos*** al Suda Holando, proksime de Voorn-kanalo, kiu pro konstruita digo, laŭ ideo de Simon Stevin, entenas pure sensalan akvon. En la sala tero, ĝardenkulturi, bulbokulturi k. t. p. estas tre malfacile, se ne tute neeble. Westland ricevas sian akvon tra la Roterdamaj Park - kluzoj; pasintjare oni oficiale prikalkulis, kiom da akvo tie eniris: Montriĝis, ke pomonate, meze, eniras tute senhalte 10‘6 milionoj da kubaj metroj da sala akvo (4‘5 po litro!).

Tiel, en unu sola monato, tra Nederlando enpuŝiĝis 47.700 tunoj da salo, sufiĉa kvanto por plenŝarĝi 3180 vagonojn po 15 tunoj! Se oni metus tiujn vagonojn, unu post alia, ilia longeco estus 31‘8 kilometra!

Estas rimarkinde, ke la saltavolo troviĝas sub la tavolo de la dolĉa akvo, tial do ĝi fiksiĝas sufiĉe profunde. Konstruinte fonton je granda profundeco, oni ricevas nur salan akvon, kiu ne taŭgas por akvumadi plantojn. La bezono pri dolĉa akvo urĝiĝas plej ĉiujare; do, ĉiujare la problemo plej aktualiĝas. Ankaŭ, la kluzoj en la mondfama digo ĉe la iama Suda Maro, nun Ijssel-lago, tralasas multe da salentena akvo, ĉar la detruego, fare de la germanaj okupintoj, ne estas ankoraŭ plene riparita. Por eviti saleciĝon de Ijssel-lago, oni devus tien enŝprucigi 300 kubajn metrojn po sekundo el la multvalora dolĉa akvo; la kluzoj ĉe Ijmuiden, havenurbo de Amsterdam, postulas 65; dum la eniranta salo tra Nova Akvovojo, en Rotterdam, 550!... Estas la rivero Rejno la grava liveranto de dolĉa akvo; ĝi enŝutadas 1000 kubajn metrojn po sekundo... sed la problemo ne estas *tiel* facile solvebla.

Multaj nederlandanoj opinias ankoraŭ, **ke la nura demando estas kiel transportadi la troon da akvo en maron, kio, ĝenerale**

dirite, ne-ĝustas. Estas ja grandaj sufiĉe vastaj regionoj, kiuj dumsomere soifegas kaj eĉ la herbo preskaŭ ne kreskas. Pro tio, malaltiĝas la laktokvanto po bovino, kaj la kamparanoj devas aldoni nutraĵon el la vintra provizo. Ofte, la surtere starantaj legomoj suferas pro sekeco; se la kulturistoj povus irigacii per pure dolĉa akvo, la rikolto certe estus multe pli bona. Vero estas, ke jam nun la legomoj estas grandkvante detruitaj; tial, laboristaro ĝenerale tute ne, aŭ ne sufiĉe, povas aĉeti ilin; sed iam, la cirkonstancoj certe ŝanĝiĝos, kaj nia loĝantaro bezonos da ili ankoraŭ multe pli ol nuntempe oni kulturas.

Unuavide, oni povus diri: «Ellasu el la grandaj riveroj tiom da akvo en la polderojn, kiom oni necesas por surverŝi la teron». Sed, tiuokaze, la kosto estus 100 guldenoj po hektaro; tio egalas al 250 kilogramoj da fortodona nutraĵo, aŭ 2000 kilogramoj da terpomoj... Tamen, ĉi tio estas ne jam plej grava; la bezonata akvo, por tiu celo, mankas, ĉar, se eltirita el Rejno, ĉi tiu rivero ne plu estus ŝipveturebla. Krome, la malamiko (la salo) daŭrus enpenetradi, kaj fine plene ĝi venkus...

Tamen, solvo eblas; ĝi estas kvazaŭ ***ovo de Kolombo:*** fermu per digaro la enirvojon de la plej granda parto de tiu malica salo, kiel profesoro Thijsse planis (bone videble sur la aldonita geografia karto) kaj ĉio estas solvita, eĉ nova tero akirita! profesoro Thijsse pruvis, ke la Rejno tiel fariĝas la *ŝlosilo* de la problemo pri dolĉa akvo. Dumvintre ĝi alportas duoble pli ol somere; tiun vintroakvon oni ***kaptu*** do en Ijssel-lago kaj, pro foresto de sablo, oni povos irigacii, kien oni deziros, tute laŭbezone. Kompreneble, la plano postulas multe da necesa laboro; ekz. kanaligo de la Rejno, la tuton oni taksas je duonmiliardo da guldenoj, nur por la suda parto, kune kun la akiro de novaj polderoj. Ŝajnas grandega sumo, sed profesoro Thijsse jam prezentis ĝin en la ĝusta lumo, dirante, ke ĝi egalas nur al kvarmonata elspezado por tute malsamaj celoj aŭ projektoj.

La tuta plano okulfrapas pro sia giganteco, genieco. Kiam la plano efektiviĝos, ĉia manko de akvo kaj ĉia danĝero pri saleco malaperos por eterne. Profunde pripensinte, oni ekkomprenas, kiom da ebloj perdiĝas pro abundaj militelspezoj...

Certe, ĉi tiu grandioza plano efektiviĝus, se la paca konstruado starus unualoke...




**POLDERO: Kampo el tereno, kiu estis sub la akvo**

## INTERLINGVA PARALELO

**ORIGINALO**

Imagu la impreson de kvazaŭ infano, faranta la unuan viziton eksterlanden kaj konsideranta la viziton al D-ro Zamenhof kiel centoble plej gravan ol tuta Parizo, kun ĝia belega Placo de la Konkordo kaj ĝia kapturniga Eifel-turo; ĵus oni legis en la matenaj gazetoj, ke la kreinto de Esperanto tagmanĝis sur tiu turo kun deko da scienculoj, membroj de la diversaj akademioj.

El artikolo de konata esperantisto Edmond Privat, pri lia unua renkontiĝo kun D-ro Zamenhof

**TRADUKO**

**Imaginaos la impresión de un casi niño, que hace la primera visita al extranjero y que considera la visita al Dr. Zamenhof como algo cien veces más importante que todo París, con su bellísima Plaza de la Concordia y su mareante Torre Eiffel. Acababa de leerse en los periódicos matutinos que el creador del Esperanto había almorzado, sobre esta torre, con una decena de hombres de ciencia, miembros de las diversas academias.**

De un artículo del conocido esperantista Edmond Privat, sobre su primer encuentro con el Dr. Zamenhof

## Elementa posedo de Esperanto estas ja vivanta leciono pri Geografio!

Kvankam ordinare la esperantistoj, tro modeste, ne emas fanfaroni pri tio

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● PORTUGAL.—En el número 73 de la revista «Natura» se publica un artículo sobre el Esperanto, como el medio de intercomprensión mundial más eficiente, hasta ahora.

● FRANCIA.—En París, el día 14 de enero del pasado año, el canónigo Camilo Duvaux, párroco de San Juan de Montmartre, Presidente de la «Katolika Esperantista Franca Ligo», celebró el 60 aniversario de su consagración sacerdotal. En la santa misa, presidida por Monseñor Feltin, Arzobispo de París, el canónigo Monseñor Patenne, relató su vida consagrada al servicio de Cristo, y en la guía a los jóvenes candidatos al sacerdocio, de los cuales hay ya algunos obispos, no olvidando el orador sagrado la labor esperantista del Padre Duvaux. Al banquete asistió el Arzobispo de París, tres representantes del movimiento esperantista: el General Bástien, el jesuíta Padre Machado y el señor Duffaud, y otra numerosa y distinguida concurrencia. Se pronunciaron discursos en Esperanto, y el señor Arzobispo dió sonriente la señal de aplaudir, desbordándose entonces el entusiasmo.

● BELGICA.—En el Real Ateneo de Amberes y favorecido por el Prefecto de la institución, señor Cardon, se ha constituído un Grupo Esperantista, habiéndose dado principio a un curso, al que prestan su asistencia entusiasta 30 alumnos de los cursos superiores.

«Le Moustique» (41, Rue Destree—MARCINELLI), gran revista de radiodifusión, publica completo el calendario de emisiones en Esperanto, dentro de su plan de publicar los programas de las distintas emisoras del mundo, para conocimiento general de los aficionados.

● HOLANDA.—En la Universidad Municipal de Amsterdam se llevan a cabo, este invierno, dos cursos de Esperanto, dado el éxito obtenido por el curso anterior, celebrado durante el último período escolar. El programa de las emisiones por Radio Hilversum se anuncia no solamente en holandés, sino también en diversas lenguas y en Esperanto.

● NORUEGA.—El doctor Olav Reiersol, del Instituto de Economía Política y Social de la Universidad de Oslo, ha publicado en Esperanto los dos opúsculos científicos siguientes, sobre matemáticas aplicadas: «Diferencialaj ekvacioj de specimenaj distribuoj» y «Transiro per diferencialaj ekvacioj de probablodenso al karakteriza funkcio kaj inverse».

● SUIZA.—El Instituto «Juan Jacobo Rousseau» de Ginebra, entidad científico-pedagógica, ha realizado una encuesta sobre la enseñanza del Esperanto. Su director, señor Pierre Bovet, ha manifestado: «Desde el punto de vista técnico, la encuesta demuestra una tendencia favorable a la enseñanza general del Esperanto, como idioma auxiliar. Desde el punto de vista psicológico, el Esperanto es una lengua viva, útil para ser recomendada como la única auxiliar». Nos complacemos, pues, en dar a conocer tan valiosa opinión.

● AUSTRIA.—El día 15 de diciembre pasado, con ocasión del Día de Zamenhof, la emisora Radio Tirol radió la obra del compositor Peter Schwarz «Esperanto-Kongreso-Valso».

En la Escuela Superior de Innsbruck se explica un curso por el Dr. Antón Karner.

● TURQUIA.—Se ha editado la primera gramática de Esperanto en turco, de la que es autor el señor Hasan Kocaman (Mühürdar Caddesi, 81 KADIKOY-ISTAMBUL - **Turquía**).

● JAPON.—Se ha iniciado la publicación de la interesante revista científica en Esperanto «Medicina Revuo», con la competente colaboración de 15 profesores internacionales.

● GUATEMALA.—«El Imparcial» de la ciudad de Guatemala, ha publicado un artículo sobre el Esperanto y su finalidad, como idioma auxiliar, en las relaciones internacionales.

El Departamento de Bellas Artes lleva adelante los trabajos de organización para poder presentar, a principios del próximo marzo, una exposición de dibujos infantiles, bajo el lema: «Kiel la infanoj vidas sian regionon»? (¿Cómo ven los niños su región?)

## EL ESPERANTO EN EL TURISMO

**Prosiguiendo el empleo cada día más creciente de la lengua auxiliar en la propaganda turística, damos a continuación algunos de los últimos folletos publicados:**

**«Ente Nazionale Industrie Turistiche», de Italia, ha editado el folleto «La Eterna Urbo», sobre la ciudad de Roma; en Francia han aparecido los folletos «Angers» y «Nancy»; y en Austria el folleto «Steiermark» y la colección de vistas «Winter in der Steiermark» sobre la región de Stiria**

## ADEKVATA RESPONDO

S-ro Klem, la advokato, kaŭze de kelkaj profesiaj aferoj, translokiĝis por dek tagoj en grava ĉefurbo. Temis pri riĉa kaj tre postulema kliento; tial li elektiĝis en la plej luksa hotelo, kie, laŭ interkonsento, li devas pagi 200 pesetojn potage.

Kiam S-ro Klem solvis sukcese ĉiujn siajn aferojn, ĝuste je la deka tago, li petis la fakturon en la hotelo, por pagi la gastigadon. Respektoplene, oni indikis al li, ke li ŝuldas 2500 pesetojn. Nia amiko forte indignis, ĉar, laŭ klara kalkulo, nur 2000 pesetojn devas sumi la konto. Sed, mildvoĉe la kasisto diris al li:

—Tio estas vero, tamen oni devas adicii al la regula kvanto pliajn 500 pesetojn pro la ekstraj servoj: telefono, ĉicerono, ŝoforo, interpretisto, k. t. p.

—Kial, do, mi devas pagi servojn, kiujn ĉi tie mi nek petis nek uzis?

—Tio ne gravas, sinjoro, la hotela administracio enkalkulas la nomitajn servojn, eĉ en la okazo, ke oni ilin ne uzas, ĉar se vi ne profitis ilin, ni ne kulpas.

Post tiel konvinkigaj vortoj, S-ro Klem prenis sian monujon kaj pagis nur 2000 pesetojn; kaj, tute trankvile, li parolis jene:

—S-ro kasisto, bonvolu enspezi ĉi tiun sumon, la mankantaj 500 pesetoj estas ŝuldataj al mi de la direkcio, kiel honorario pro miaj servoj, kiel advokato.

Tute konfuzite, la kasisto respondis:

—Kial vi petas pagon pro servoj, kiujn vi tute ne faris?

Al kio nia protagonisto gajmiene kaj afable respondis:

—Mia kara kasisto, tio ne gravas; la hotelo ja devas pagi honorariojn al mi, ĉar mi restadis ĉi tie dek tagojn je ĝia dispono. Se la direkcio ne bezonis miajn servojn, pri tio mi ne kulpas...

**EMILIO PRADES**

## EN FLUGHAVENO

—Kion vi atendas tiel frue, ĉi tie?
—La alvenon de la aviadilo «Meteoro».
—Ho, ĝi ne venos ĝis morgaŭ.
—Jes, sed morgaŭ mi ne povos veni.

TIAL, KE MI HONTAS TIMI,
MI TIMAS HONTI.

*Paul Valéry*

*La amo eltenas pli bone foreston aŭ morton ol perfidon kaj dubojn.*

ANDREO MAUROIS

## SFINKSA ANGULETO

### KVARTETO DA LITEROJ

X X X X

*Kvar nomoj de literoj (silaboj) liveras tre ŝatatan privilegion. Cetere, ripetante aŭ kombinante tiujn silabojn mem, oni povas formi pliajn diversajn substantivojn.*

**Por rajti al la premio, sendu minimume kvar el tiaj nomoj, krom la fundamenta vorto, gis 25. Februaro. Ju pli da vortoj, des pli valora la premio!**

SOLVO DE LA **POKALO DA NUMEROJ** EN LA PASINTA NUMERO

**P A K I D E R M O**
1 2 3 4 5 6 7 8 9

**EN LA JARO 1951.**[a] *dum la Ekspozicio okazinta pri la Centjaro de la Telegrafo, per submara kablo, oni sendis depeŝon, kiu, transsendita de stacio al stacio, devus reveni en Londonon ĉirkaŭirante la terglobon. La depeŝo krucigis la Atlantikon, ĝis Kanado, sekvis, tra la insuloj Vancouver kaj Fanning, ĝis Aŭstralio; de tie, ĝi daŭrigis sian iron tra la insulo de la Kokusoj, Singapur, Colombo Aden, Aleksandrio, Malto kaj Londono. Por la tuta ĉirkaŭiro, ĝi bezonis nur 53 sekundojn!*

## VORTLUDOJ

Kia urbo estas manĝebla?
La kukurbo (kuk-urbo).

Kio estas komuna al ebria maristo kaj al bovo?
Ambaŭ remaĉas (rem-aĉas kaj re-maĉas).

Per kia litero oni povas fari juvelon?
Per Lo (perlo).

Kiaj homoj estas tute unikaj?
La negroj en Senegalo, ĉar ili vere estas senegalaj (sen-egalaj).

Kial ĝirafo neniam estas sola?
Ĉar ĝi havas kolegon (kol-egon).

*Robert Michel* **GIEN (Loiret) - Francio**



# LA LERNEJO

## PRILINGVA RUBRIKO

Kun plezuro mi respondas al S-ano Collado, el Sama de Langreo, lian demandon pri la landnomoj. La oficialaj sufiksoj por indiki landon estas UJ kaj LAND. La finiĝo IO estas ofte uzata, sed ĝi ne estas oficiala. Parto el la esperantistaro uzas UJ aŭ LAND pro disciplino, kaj alia parto ŝatas uzi la formon IO, kvankam ne oficiala, opiniante ĝin pli bela. Tiuj ĉi lastaj subtenas la ideon, ke Aŭstralujo, Aŭstrujo kaj Jugoslavujo estas pli strangaj kaj malbelaj ol Aŭstralio, Aŭstrio kaj Jugoslavio, kaj ke oni ne devas uzi la saman sufikson por indiki landon, arbon kaj objekton, kiu entenas alian. Kaj, kiel ekzemplon, ili citas la jenan frazon en kiu povas esti konfuzo: *En Oranĝujo, sub oranĝujo estis oranĝujo*, kio signifas: «En Oranĝlando, sub oranĝarbo estis ujo por oranĝoj». La sufikso LAND estas malofte uzata, kaj precipe nur en tiuj landoj, kies nomoj internacie finiĝas per tiu sufikso, kiel NEDERLANDO, IRLANDO, SKOTLANDO kaj ISLANDO. Sekve, do, pri la nomoj de la landoj ne ekzistas ankoraŭ kontentiga interkonsento, ĉar cetere restas kiel esceptoj la nomoj de la amerikaj landoj, ĝenerale, kiuj finiĝas nek per UJO nek per LANDO nek per IO. Jen do klarigo, kiu esperebIe utilos al kelkaj.

JUAN BOSCH

## NOVA LISTO DE LIBROJ HAVEBLAJ

| | | |
|---|---|---|
| Du Junaj Fraŭlinoj | 3 | pesetoj |
| Ferdinando la VIa kaj Farinelli | 3 | » |
| Pri Cervantes | 3 | » |
| Don Kihoto de la Mancha (fragmento) | 3 | » |
| El Esperanto al alcance de todos | 3 | » |
| Popolkantaro de Murcia | 3 | » |
| Helpanta Temaro | 10 | » |
| Santander | 10 | » |
| Demandaro kaj Respondaro | 3 | » |
| Avila | 3 | » |



Salutas la hispanajn kaj tutmondajn esperantistojn, petante pardonon pro la malfruiĝo de ĉi tiu numero

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto aŭ unu r-k. validas por du vortoj. Tri majusklaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

**ATENTU!** Oni dez. ricevi «Reader Digest» en hispana aŭ franca lingvoj, kontraŭ hispana revuo laŭ prefero. Ankaŭ estos plezure akceptataj katolikaj revuoj en franca lingvo. Faru la proponojn al:
S-ro JOSE GUZMAN, advokato
Av. Fernando Catolico, 17 - VALENCIA (Hispanio)

Juna svedo dez. koresp. en *hispana lingvo* kun hispana fraŭlino. Skribu laŭ jena adreso: HARRY NILSSON Södra Förstadsgatan, 19 Malmoe (Svedio)

S-ro ELDRED W. LOWE, 2918 Belleview, Kansas City, 8, Mo. (U. S. A.) dez. interŝanĝi gazetojn kaj poŝtk. kun fraŭlinoj ne pli ol 37-jaraĝaj. Li korespondas en Esperanto kaj en hispana lingvo.

Kelkaj nederlandaj geesp. dez. koresp. kun ĉiulandaj geamikoj. Skribu je la unua fojo al S-ro BAS WELS
1 ste. Wandeloorddwarsstr. 33 - Rotterdam (Nederlando)

18-jara fraŭlino dez. koresp. esperante, germane kaj france, pri ĉiuj temoj. Respondas nepre kaj ĉiam! Adreso:
F-ino COCA, c. Bajrantarovagaro
Dobrodan (Bulgario)

S-ano STEFAN ILIEF, Tirnovsko-Balvan (Bŭlgario), deziras koresp. kun hispanaj gesamideanoj.

**Helpu la ESPERANTO-MOVADON en Hispanio!**

Por propaganda ekspozicio, ni bezonas ĉiajn esperantajojn: librojn, broŝurojn, salutkartojn (prefere bildflanke kaj filatele afrankitajn), afiŝojn, k. t. p.
Ni respondos al ĉiuj! Adreso:
Esperanto - Ekspozicio, Str. Forn, 19
MOYA (Barcelona) - Hispanio